# Informilo de Ĝemelaj Urboj

N-ro 1 (4) marto de 2003

NOVAĴO

Nova eldono "PONTOJ"

PONTOJ estas revuo eldonita en la germana urbo Hildesheim por reciproke informi pri la vivoj en ĝiaj ĝemelaj urboj. S-ro Hans Fechler, ĝia redaktoro, jam kunlabore eldonis 6 numerojn kun esperantistoj en tiuj urboj. En 2003 oni legos novan PONTOJ.

Informilo de Ĝemelaj Urboj en Singapuro

S-ro Tan Koon Hee, vic-prezidanto de Singapura Esperanto-Asocio (SEA), kopiis nombrojn da Informilo de Ĝemelaj Urboj al la esperantistoj, kiuj ĉeestis la kunvenon de SEA en la 7-a de decembro 2002.

Honora titolo el la ĝemela urbo

Takatuki (Japanio) kaj Changzhou (Chinio) estas ĝemelaj urboj. S-ro Takeuti Yosikazu grave kontribuis al ĝemeliĝo de du urboj kaj preskaŭ ĉiujare vizitis la urbon Changzhou por vigligi la interurban Esperanto-movadon post kiam li havis kontakton kun tieaj esperantistoj. N-ro 1 Informilo de Ĝemelaj Urboj speciale tion raportis. En la lasta oktobro s-ro Takeuti Yosikazu ricevis la titolon "honora profesoro" de Changzhou Gerontologia Universitato. Ĉijare Changzhou-aj popoloj tre probable plu vidos s-ron Yosikazu alte estimatan.

Funebran saluton al s-ro Lawrence Mee

Tre longe mi ne ricevis ajnan mesaĝon el s-ro Lawrence Mee (1922-2002) en Britio ĝis kiam el N-ro 2 Esperanto/2003 mi informiĝis, ke li jam frue forpasis en la lasta oktobro. Nome de la komisiito de la projekto "Ĝemelaj Urboj" mi esprimas mian kondolencon al lia tuta familio.

S-ro Lawrence Mee tutkore subtenis la programon "Ĝemelaj Urboj". Informiĝinte pri la agado "Proponoj al Esperantistoj en Ĝemelaj Urboj" iniciatita de LEA (Liaoning-provinca Esperanto-Asocio, Chinio), li speciale faris esplorojn ĉe la urba instanco de Manchester pri ĝemelitaj urboj de tiu urbego. Dum la esploroj li ricevis gratulon pro la intereso en tiu temo pere de Esperanto-movado krom multajn detalojn. En sia mesaĝo de 2001-07-07 li skribis: "Dum miaj du vizitoj al la koncernaj oficistoj en la urba centra oficejo, mi eksciis detalojn pri la urboj en iu maniero kun Manchester… mi konstatas, ke la tute afabla akcepto, kiun mi rekonis dum tiuj du vizitoj, fontis el la supozo, ke mi povus influi eksterlandanojn, pere de miaj kontaktoj per la lingvo, Esperanto! Ŝajne estas la plej rezulto-plena el la vidpunkto de komercaj rilatoj." Lia praktika agado treege inspiris min bone daŭrigi tiun agadon. Pro lia forpaso ne nur la monda Esperanto-movado perdis elstaran laboranton kaj movadanon, sed ankaŭ la projekto "Ĝemelaj Urboj" perdis fortan subtenanton kaj praktikanton.

Por memorigo pri s-ro Lawrence Mee kaj akceli la projekton en la urboj kun kiuj Manchester havas apartajn rilatojn mi ĉi tie pulikigas la rezulton de liaj esploroj. t.e, la urboj menciitaj estas Cordoba (Hispanio), Sankt-Peterburg (Ruslando), Chemnitz (Germanio), Wuhan (Chinio), Rehovot (Israelo), Puerto Cabezas/Bilwi (Nikaragvo) kaj Faisilabad (Pakistano).

Mi sincere esperas, ke samideanoj en Manchester kaj tiuj urboj povu aktive interkomuniki kaj pere via klopodado krei ŝancon por kunlaboro inter la urbaj instancoj, celante montri valoron de Esperanto. Deziru al s-ro Lawrence Mee xhion bonan en la alia mondo. (Wu Guojiang)

La projekto en interreto

1. Pro la entuziasmo kaj kontribuo, s-ro SIBAYAMA Zyun'iti, prezidanto de Japana Esperanto-Instituto, speciale konstruis por la projekto hejmpaĝon en la retejo de Komisiono pri Azia Esperanto-Movado (KAEM). Nun ĝia reta revueto Informilo de Ĝemelaj Urboj tute estas legebla ĉe: http://www2s.biglobe.ne.jp/~jei/kaem/kaem_kap.htm

2. La hejmpaĝo de N-ro 3 Informilo de Ĝemelaj Urboj aperis en la retejo de Massachusetts Instituto de Teknologio (Massachusetts Institute of Technology), fama altlernejo en Usono, t.e. http://web.mit.edu/quark/Public/gxemelaj_urboj.doc

3. La ret-info el http://www.eventoj.hu raportis la aperon pri N-ro 3 Informilo de Ĝemelaj Urboj.

4. La 1-an de marto 2003 la komisiito koncize raportis la disvolviĝon de la projekto por 2002 al ĉinaj esperantistoj pere de interreto.

La frua raporto en la Revuo Esperanto

Temante la projekton "Ĝemelaj Urboj", mi pere de Biblioteko Hector Hodler havas interesan kaj valoran informon: ke oni povas legi la prian raporton en la frua revuo "Esperanto" (1960, novembro, p. 190-191), t.e. Oficiala interurba ĝemeliĝo inter Massa (Italio) kaj Bad Kissingen (Germanio) kaj la rolo de Esperanto, de Hugo Röllinger kaj Catina Dazzini.

Tiu raporto diris: Tri jarojn antaŭe la prezidanto de Eŭropa Federacio Bad Kissingen, K. Federer, "tiam ne esperantisto", iniciatis dum persona vizito al Massa ĝemeliĝon. Li priparolis sian projekton kun gvidantoj de la tiea Eŭropa Movado kaj la komunumo de Massa, daŭrigis korespondadon en la itala kaj la germana. "En somero 1960 evidentiĝis ke pro lingvaj kaŭzoj la afero stagnis. Prof. A. Grosso (Massa) tial proponis ambaŭflankan korespondadon en Esperanto. Hugo Röllinger (UEA-delegito) en Bad Kissingen transprenis tion. "Intervjuo por 3 ĵurnalistoj en la prefektejo de Massa, vigle kaj flue okazis esperantolingve, per traduko de D-ro Dazzini. La urbestro oficiale akceptis la agadon. En ambaŭ urboj samtempe, do aŭtune 1959, komenciĝis bone vizitataj Esperanto-kursoj. Inter la 16-a kaj 23-a de aprilo, 1960, la solenajn ĝemeliĝajn manifestaciojn en Massa-Carrara partoprenis flanke de Bad Kissingen oficiala delegacio de la urbestraro, gvidita de la ĉefurbestro, kaj membroj de la Eŭropa Movado, inter ili geesperantistoj. richenhava programo, destinita al reciproka interkoniĝado, estis preparita." Sankta Meso en esperanto. Gravuritaj medaloj kun enskribo en esperanto. "Resume estas konstateble ke kreskis videble kaj konsiderinde en ĝis nun malmulte interesitaj rondoj ambaŭteritoriaj la konvinko, ke sen komuna neŭtrala lingvo - apude de la tradiciaj lingvoj naciaj - persona, anima kaj vera alproksimiĝo inter diversnacianoj en kadro de eŭropa integriĝo estus tre malfacila, ja verŝajne eĉ malebla.

Tiu ĉi frua raporto montris al ni, ke la simila agado de la projekto jam komenciĝis antaŭ kelkaj dek jaroj, ĝia laboro ja estas grava en disvastigo kaj utligo de Esperanto.

Reagoj al la projekto Ĝemelaj Urboj kaj sia revueto

1. S-ro Bardhyl Selimi Mezini el Tirana en Albanio: Kara amiko , mi legis atente vian informilon kiun vi tiel afable decidis sendi ankaŭ al mi. Mi eĉ ĉerpis parton el ĝi por inkluzivigi en nia venonta numero de la Bulteno de Albana Esperanto-Instituto.

2. S-ino Kay Andersen el Brisbane en Aŭstralio: Kara S-ro Wu, Dankon pro N-ro 3 de "Informilo de Ĝemelaj Urboj". Mia urbego estas *Brisbane*, Aŭstralio. Ĉiuj ĝemelaj urboj de Brisbane estas en la Azia regiono. Ili estas: Kobe (Japanio), Auckland (Nov-Zelando), Shenzhen (Chinio), Semarang (Malajzio) kaj Kaosiung (Tajvano). Mi havas korespondantojn en Kobe kaj Auckland, sed mi ne scias pri Esperantistoj en la aliaj urboj. Ĉu estas Esperanto-grupo en Shenzhen?

3. S-ro Adonis Saliba (nova Amerika Komisiono de UEA) el Brazilo: Dankon S-ro Wu Guojiang pro la sendita materialo. Mi tralegos ĝin kaj prezentos ilin kadre de nia programo por Amerika Komisiono. Mi certe parolos pri tiu materialo dum nia proksima Renkontiĝo de Sud-Paraiba Valo kaj ankaŭ dum la Brazila Kongreso de Esperanto en Belo Horizonte, okazonta en Julio. Ĉiujn eventualajn novaĵojn mi komunikos al vi.

4. S-ro Mo Zhixiong el Wuhan en Chinio: Tre estimata s-ro Wu Guojiang, en la revuo ESPERANTO AKTIVAS mi bone legis vian adreson kun informo pri ĝemelaj urboj. Kompreneble mi esperas ricevi plimultajn informojn, do pro tio mi kuraĝe skribas al vi.
Antaŭ 20 jaroj kiel E-komencanto mi ekkorespondis kun esperantisto en Duisburg (Germanio).. Kiam Wuhan kaj Duisburg fariĝis ĝemelaj urboj, mi tuj skribis al tiu amiko. Jes, li estas mia dua E-leteramiko. Post 6-jara korespondado ni iam renkontiĝis en Nederlando. Nur por viziti min li veturis per sia aŭto pli ol 200 kilometrojn. Ĝis nun la frateca korespondo ne interrompiĝis, kaj ni ambaŭ jam decidis, ke al niaj nepinoj ni transsendos nian amikecon kvankam ili respektive estas 23- monata kaj 14- monata. Ankaŭ mi iam korespondis kun japana E-amiko en la urbo Oita, Sed bedaŭrinde mi ne povis persiste leteri al li pro tio, ke lia letero perdis dum mia transloĝiĝo.

5. S-ro Alexandre Kadar el Parizo en Francio: mi kun tre granda intereso legis vian inform-leteron n-ro 1 aŭ 2, de novembro 2002, pri Ĝemelaj Urboj. Kiel denova loĝanto de Parizo, mi scivolas, kiuj ĝemelaj urboj estas kun Parizo ligitaj. Mi tre ĵaluzis, legante ke la francaj urboj Le Havre kaj Lyon havas bonegajn ĝemelajn urbojn, nome St Peterburgo, Milan. Ĉu vi krome bonvolus sendi al mi la eventualajn novajn numerojn de la inform-letero?

6. S-ro René Ballaguy el Cergy-Pontoise en Francio: Estimata, mi multe dankas vin pro via sendo de la tria numero de la Ĝemelaj Urboj. La projekto interesas min. Mi ŝatus havigi al mi la du unuajn numerojn. Mi instruas Esperanton en Cergy-Pontoise, (30 km nordokcidente de Parizo), kiu estas urbaro de 10 komunumoj, el kiuj pluraj estas jam ĝemelitaj aŭ ĝemelontaj.

7. S-ro Osmo Buller el Taivalkoski en Finnlando: kara samideano, ankaŭ nun mi ne plu laboras en la Centra Oficejo de UEA, sed mi daŭre servas vian agadon por nia afero. Mi tre ĝojas, ke vi estas tiel aktiva! Vi brile plenumas la rolon de la komisiito pri ĝemelaj urboj. Mi kore gratulas vin kaj deziras al vi multe da sukceso en la jaro 2003!

8. S-ro Juan Ramon el La Habana en Kubo: Dankon pro la sendado de la Informilo N-ro 3 de Ĝemelaj Urboj. Mi planas esplori pri tiu afero en Kubo. Ĉu eblus recevi ankaŭ la informilojn 1 kaj 2. Mi antaŭdankas vin.

9. S-ino Rodica TODOR el Brasov en Rumanio: Estimata s-ro Wu Guojiang, ĝoje mi ricevis vian mesaĝon. Mi dezirus sciigi pliajn detalojn rilate al tiu projekto..Tiel kiel informis vin s-inoAurora Bute, en majo 2005 nia Rumana Esperanto Fervojista Asocio organizos en Brasov, Rumanio, la 57-an IFEF-Kongreson. La 58-an okazos en Pekino,en 2006. Eble, pere de via helpo ni povus kontakti niajn ĉinajn fervojistajn samideanojn cele inviti ilin partopreni al nia kongreso. Ankaŭ mi dezirus ĝemeligi nian urbon kun aliaj urboj. Mi petas vin sendu al mi pli multajn informojn por fari tion...Mi antaŭdankas al vi ,por via helpo kaj afableco,

10. S-ro Aleksandr TITAJEV, prezidanto de Vladivostoka Esperanto-klubo, el Vladivostok en Rusio: Kara sinjoro Wu Guojiang! En nia urbo Vladivostok (Ĝemelurbo de Dalian, Liaoning-provinco, Chinio) en la For-Orienta Ŝtata Teknika Universitato Esperanto estas instruata kiel elektebla studobjekto.Ĉi-jare la 23-26an de Septembro surbaze de nia universitato okazos la 5-a Internacia junulara Forumo de la junaj sciencistoj kaj studentoj de Azi-Pacifikaj Landoj. Enkadre de tiu forumo funkcios la sekcio "Esperantologio kaj Interlingvistiko". La materialoj de la forumo estos eldonitaj angle kaj esperante. Ni volonte atendas vian partoprenon en la forumo. Bonvenon al Vladivostoko-Ĝemelurbo de bonega ĉina urbo Dalian.

11. S-ro Saidnabi Noebov el Taghikio: Saluton  Wu Guojiang! Mi antaŭ ne longe legis vian mesaĝon kaj mi nun bedaŭras ke mi estis nesciinta homo. Mi volas kunlabori kun eksterlandaj samideanoj kaj presenti Taĝikajn gejunulojn. Mi okupiĝas pri Junula fako en nia E-o Centro. Mi volas vastigi E-on en Taĝikio. Nia direktoro estas Firdaus Ŝukurov. Ĉu mi povas realigi miajn planojn kaj revojn kunlabore kun eksterlandaj E-istoj?

12. S-ino Sevdiye Katircioglu el Bursa en Turkio: Koran dankon pro via sendo pri Informilo de Ĝemelaj Urboj. Mi kore subtenas la projekton kaj deziras fari ĉion por ĝi kvankam mi estas sola esperantistino en Bursa.

URBA STILO KAJ TRAJTO

Urba historio

Shenyang kun 6.53 milionoj da homoj, ĉefurbo de Liaoning-provinco, situas sude en la nordorienta Ĉinio. Ĝi ankaŭ estas antikva urbo kun longa historio, kie la prapatroj kreis brilan kulturon en la neolitiko antaŭ pli ol 7000 jaroj. Ĝia geografio-koordinato estas 122°25’_123° 48’ je orienta longitudo kaj 41°11’_43°2’ je norda latitudo. Ĝia areo estas 12915 $km^2$. Tie oni malkovris 21 specojn da mineralo-fontoj, ekz. karbo, petrolo, natura gaso, fero, kupro, plumbo, nikelo ktp. Surbaze de tiaj fontoj formiĝas kompleta industria sistemo kun mekaniko, elektro, petrolkemio, aŭto, aviado, metalurigo, tekstilo ktp. La unua jeto de Ĉinio estis produkita en Shenyang kaj flugis en ĉielon. La urbo estas disvolviĝinta en trafiko. Tiea flughaveno direktas sin ne nur al 34 enlandaj urboj, sed ankaŭ al Japanio, Ruslando, Norda Koreio, Suda Koreio kaj Hongkong. La urbon pasas kaj haltas tie la internaciaj trajnoj inter Ĉinio, Ruslando kaj Norda Koreio. Tie estas abundo je agrikulturaj produktaĵoj, ekz, maizo, rizo, sorgo, tritiko, sojfabo, milio

ktp. Vizitinte tieajn historiajn restaĵojn oni povas ĝui la pratempan kulturon kaj Qing-dinastian kulturon.

Esperanto-movado

Jam frue en 1911 en Shenyang estis funkciigita Esperanto-kurso, kiun s-ro Xiong Ziying el Shanghai. Nun ĝi estas centro de la Liaoning-provinca Esperanto-movado. Tie troviĝas kelkaj E-organizaĵoj, ekz. Liaoning-provinca Esperanto-Asocio (LEA) kaj sia junulara filio, Shenyang-urba Esperanto-Asocio (SEA), Sujiatun-kvartala Esperanto-Asocio kaj La Esperanto-grupo de Shenyang Aeroplana Kompanio. En tiu urbo okazis multaj el la unuaj aferoj de China Esperanto-movado, ekz. La unua provinca radia-televida Esperanto-kurso, la unua urba televida Esperanto-kurso, la unua provinca Postlabora Radia Stacio de Esperanto, la unua konsulta Esperanta telefono, kaj la unua komerca grupo por Esperanto, nome Shenyang Verdstela Kompanio. Nombroj da eksterlandaj esperantistoj restis en Shenyang. Nemalmultaj publikigaĵoj eldoniĝis, i.a. Verda Stelo, trimonata kaj 48-pagha organo de LEA, estas vaste konata kaj legata de la plej parto de ĉinaj esperantistoj. Esperantistoj povas monate renkontiĝi en ĉiu lasta dimanĉo en la oficejo de LEA.

Ĝemelitaj urboj

Shenyang havas ĝemelajn rilatojn kun Sapporo (Japanio), Kawasaki (Japanio), Torino (Italio), Chicago (Usono), Düsseldorf (Germanio) kaj Irkutsk (Rusio). En la 80-aj jaroj de la lasta jarcento tieaj esperantistoj tenis konstantan kontakton kun Sapporo. Sukcesigis la reciprokan viziton la respondeculoj de du urbaj E-organizaĵoj kaj subskribis la interkonsenton pri ĝemeliĝo inter Hokkajda Esperanto-Ligo kaj SEA. Helpe de s-ro Masahiro Misawa el Sapporo la Esperanto-kurso estis funkciigita ĉe Shenyang Televida Stacio.

INTER ĜEMELAJ URBOJ

Zamenhoftago en la ĝemela urbo Kozsalin

Dum la tagoj de 20a ĝis 22a de dec. 2002 eta delegacio el Neubrandenburg (Germanio) gastis en Koszalin por partopreni la Zamenhof-Feston en nia ĝemela urbo Koszalin (Pollando). Nia ĝemela kunlaboro jam kontinuas pli ol 30 jarojn kaj privenkis ĉiujn politikajn ŝanĝojn kaj krizojn. Nunjare do ni gastis en la privataj loĝejoj de niaj amikoj kaj tio permesas longajn interesajn diskutojn. S-ro Werner Pfennig (prezidanto de landa asocio de GEA en Meklenburgio-Pomerio) prelegis dum la kunveno pri Zamenhof kaj tuŝis diversajn relative ne konatajn trajtojn el la vivo de nia majstro. Kromaj temoj estis:

- lingva problemo en EU
- rolo kaj ŝancoj de Esperanto en EU
- konkreta kunlaboro inter ambaŭ societoj dum 2003a jaro
- kiuj problemoj povis trafi Pollandon post membriĝo en EU

Ni aŭdis prelegon antaŭ la granda Esperanto memorŝtono kaj demetis florojn en Koszalin kaj E-monumenton en la centro de urbo Slupsk. Krom tiuj laborkunvenoj ni ekskursis al diversaj tre belaj, historie interesaj urboj kaj urbetoj proksimaj de Balta Maro.

Niaj polaj geamikoj tre atente prizorgis nin kaj kun sana fiereco montris al ni la eveluon de sia lando post la revolucio antaŭ 12 jaroj. Persone kaj aparte ni dankas al gesinjoroj Ilona, Baranowski, Laba kaj Sobieraj. (Werner Pfennig)

Raporto el Japanio

S-ino TAHIRA Masako el Kioto en Japanio estas komitatano A de UEA kaj membro de Kioto-Esperanto-Societo (KES). Pere de ŝia rakonto (sube), ni tute konkludas, ke esperantistoj estas tute kompetentaj en interŝanĝo de interurbo, nia lingvo povas ludi rolon en ĝemelaj urboj.

Kioto havas 9 ĝemelajn urbojn: Parizo (Francio), Bostono (Usono), Florenco (Italio), Kolonjo (Germanio), Kievo (Ukrajno), Xi'an (Chinio), Zagrebo (Kroatio), Guadalajara (Meksikio), Prago (Ĉeĥio). KES tenas bonan kontakton kun Esperanto-organizaĵoj en tiuj urboj, precipe tiu en Zagrebo. Kiam en 1976 okazis La 24-a Kansaja (regiona) Esperanto-Kongreso en Kioto, KES petis al ĉiuj ĝemelurbaj Esperanto-kluboj sendi mesaĝon al la kongreso. Ĉiuj kluboj sendis al la kongreso mesaĝon kun kelkaj presaĵoj pri sia urbo escepte de Prago, ĉar tiam ankoraŭ ĝi ne estis ĝemela urbo. En 1987 okazis La 20-a Pupteatra Internacia Festivalo en Zagrebo, en kiu mi kaj mia filino partoprenis. Zagrebaj esperantistoj tre varme nin akceptis. En 1988 okazis La 44-a Internacia Junulara Kongreso en Zagrebo. La urbdomo de Zagrebo invitis reprezentantojn el siaj ĝemelaj urboj kun senpaga restado. Mi estis invitita en IJK kaj prezentis Soroban-kalkuladon (abako-kalkuladon) en la kongreso. La urbestro de Kioto skribis mesaĝon al la urbestro de Zagrebo. Reprezentantoj el la ĝemelaj urboj vizitis la urbdomon de Zagrebo kaj interparolis kun vic-urbestrino.

En 2001 okazis La 86a Universala Kongreso en Zagrebo, en kiu S-ino MITUKAWA Sumiko kaj mi estis invititaj en la programero "Ĝemelurboj de Zagrebo" por prezenti Hurosiki-arton (paktuk-arton), Origami-arton (faldpaper-arton) kaj ekspozicii bildleterojn desegnitajn de urbanoj en Kioto. Poste la bildleteroj estis donacitaj al orfoj naskitaj dum la milito en Zagrebo. La urbestro de Kioto skribis mesaĝon al la urbestro de Zagrebo, kies akcepton ni ricevis.

Dume KES sendas organan gazeton "Al Vi Kara" al ZEL (Zagreba Esperanto-Ligo), de kiu ankaŭ KES de tempo al tempo ricevas la gazeton "tempo". KES kelkfoje okazigis Esperanto-ekspozicion en Kioto, kaj foje la temo estis "Ĝemelurba Rilato kun Zagrebo pere de Esperanto". En Urba Internacia Komuna Domo troviĝas ekspoziciejo pri 9 ĝemelaj urboj. Ĉe la montrejo pri Zagrebo ni vidis fotojn de zagrebaj kaj kiotaj esperantistoj, kiuj reciprokas amikecon inter si.

La 19-an de oktobro 2003 en Urba Internacia Komuna Domo okazos prelego de zagreba esperantisto s-ro Kresimir Barkovic, ĝenerala sekretario de SAT en Parizo (ankaŭ ĝemelurbo de Kioto!), invitate de Kioto-Zagreba Amikeca Asocio (ne-esperantista). (TAHIRA Masako)

SERVA PLATFORMO

Belgio

La E-gelernantoj el Namur (Belgio) estas interesataj korespondi grupe kun grupoj el la ĝemelaj urboj de Namur, tiuj estas: Badalona (Hispanio), Coimbra (Portugalio), Korolev (Rusio), Lafayette (Usono), Longueuil (Kebekio), Moncton (Kanado), Northampton (Britio), Parma (Italio), Poitiers (Francio), Syracuse (Usono), Vaasa (Finnlando), Zhengzhou (Chinio).

Kontaktu s-ron Denis Flochon (denis_flochon@hotmail.com), la gvidanto de la kurso.

Ĉinio

La urbo Taizhou en Zhejiang-provinco ĝemeliĝis kun Muan (Koreio) kaj Tsuruga (Japanio). Taizhou-a Esperanto-Asocio fondiĝis en 1996. Ni malfacile trovis E-organizaĵojn aŭ esperantistojn

en tiuj du urboj. Ni treege esperas, ke ni povu starigi kontakton kun samideanoj aŭ organizaĵoj en tiuj urboj pere de Informilo de Ĝemelaj Urboj. Kontaktu s-ron Zhu En (entea@163.com)

Germanio

La adreso esperanto.ligo@berlin.de ne plu funkcias. Bv. sendi la mesaĝojn al mia entreprena adreso info@graskraft.de (Roland Schnell)

(la venonta numero aperos en junio 2003)

*****************************************************************************

Redaktoro: Wu Guojiang / komisiito de UEA pri la projekto "Ĝemelaj Urboj"

Adreso: Fushun Shiyouyichang Yanjiusuo

113008 Fushun Liaoning Ĉinio

Telefono/Fakso: +86-413-7100871 (fakso post la 5-a sonorilo)

ret-adreso:amikeco999@21cn.com